# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas», Kanto III[a], XVII.)
CAMOENS

**2a jaro Novembro 1932 N-ro 19**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



Tipografia CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## ACTA DE LA JUNTA CENTRAL DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 10 de octubre de 1932, y en el domilio social de esta Asociación Esperantista Española (Sagasta, número 10.-Cruz Roja), se reunió la Junta Directiva de la misma, con asistencia de los miembros anotados al margen.

El presidente expone la labor desarrollada para conseguir del Gobierno local gratuito, amplio, capaz de satisfacer las necesidades de la Asociación; y el resultado negativo por imposibilidad del Ministerio de Instrucción Pública, que no dispone de los necesarios locales para sus servicios. Pero el fracaso en estas gestiones dió orientación para satisfacer la necesidad de dicho local por otros procedimientos, yendo por buen camino el trabajo emprendido.

En armonía con la estatuído y con el aviso publicado en la revista de septiembre próximo pasado, y habiendo solamente Galicia y Castilla la Nueva nombrado sus respectivos vocales, la Junta Directiva procedió al nombramiento, resultando:

D. Francisco Azorín (de Córdoba) y D. Carlos Martínez (de Sevilla), que ya lo eran, y D. Francisco García Merchán (de Cádiz), para Andalucía.

D. José Anglada Prior (de Barcelona), que ya lo era, D.ª Sara Ullastres (de Mollet, Barcelona) y D. Francisco Gorgues (de Barcelona), para Cataluña.

D. Francisco Máñez (de Cheste, Valencia), D. José Santiago (de Valencia) y D. Joaquín Sales Sanz (de San Mateo, Castellón), para Valencia.

D. José Carnicer (de Zaragoza) y D. Félix Sison (de Zaragoza), que ya lo eran, y D. Luis Martínez (de Biota, Zaragoza), para Aragón.

D. Venancio Girao (de Santander), que ya lo era, D. Urbano Gómez (de Santander) y D. Julián Loyola Galar (de Logroño), para Castilla la Vieja.

D. Honorato Moncalvillo (de Los Cabos, Asturias), que ya lo era, D. Francisco Menéndez Rúa (de Gijón) y D. Atanasio Felgueroso (de San Julián de Bimenes, Asturias), para Asturias.

D. Miguel Carreras (de Fuentes de Nava, Palencia), que ya lo era, y D. Froilán Ponce de León (de Salamanca), para León, por no haber más afiliados en la región.

D. Domingo Díaz Ambrona (de Badajoz), D. Rodrigo Almada (de Badajoz) y D. José Díaz-Coronado (de Cáceres), para Extremadura.

D. Víctor O de Allende (de Bilbao), D. Teodoro Elizondo (de Bilbao) y D. Eugenio Lunate (de Baracaldo, Bilbao), para Vasconia.

D. Antonio López Villanueva (de Murcia), que ya lo era, D. Feliciano Oliván (de Cartagena) y D. Enrique Martínez Ripoll (de Cartagena), para Murcia.

D.ª Amalia Núñez Dubús (de Pamplona) y D. Diómedes María Soto Gallardo (de Cabanillas, Navarra), que ya lo eran, y D. Guillermo Sabando (de Etayo, Navarra), para Navarra.

D. Antonio Giménez Verger (de Ibiza), D. Gabriel Alomar Ferragut y D. Narciso Bofill (de Palma de Mallorca), para Baleares.

No existiendo aún afiliados en Canarias, queda esta región sin delegados, esperando que en breve también los tendrá.

La Junta decidió seguir una conducta de reciprocidad de colaboración con AELA (Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj), publicando sus reclamos en la revista y compensando esto con la venta de nuestros libros por dicha Asociación, facilitándoselos a un precio que compensa los gastos de edición y de envío, previo pago, habiendo procedido así porque AELA, siendo como una filial de «Literatura Mondo», merece el apoyo votado, puesto que su labor es de difusión del libro esperantista, y, por tanto, del Esperanto.

Se acordó editar unas tarjetas que, llenadas por los interesados, constituyan un fichero con toda clase de datos sobre los afiliados en relación con el Esperanto; y también una circular invitando a reincorporarse a la Asociación a cuantos en ella estuvieron.

Por último, se acordó: que no se inscriba en la Asociación ni se envíe libro alguno sin previo pago de la cuota o del precio del encargo; que se haga saber no se responde del extravío de los libros enviados, que sólo se certificarán cuando el interesado envíe también el importe del certificacdo; y que se abra en la revista una sección para contestar la numerosa correspondencia que se recibe, que solamente será contestada directamente en los casos que así lo requieran y cuando el intresado acompañe el sello correspondiente para la respuesta.

Y no habiendo más asuntos que tratar, se levantó la sesión por el señor presidente a las veinte de este día.

V.º B.º: El Presidente, *J. Mangada Rosenörn.*—El Secretario, *Mariano Mojado.*

Nota.—Asistieron el presidente, secretario, tesorero D. Julián Sosa y los vocales de Castilla la Nueva D. José Artigas y D. Carlos de San Antonio.

# LA EGIPTA RELIGIO

Oni devas fundamenti plenan studon pri la faraonaj civilizoj sur la religiaj kredoj de la Egiptoj. Fustel de Conlanges elpruvis per «La urbo antikva», ke la privatajn kutimojn kaj politikajn instituciojn de la Grekoj kaj tiujn de la Romanoj oni klarigas per iliaj religiaj kredoj. Ankoraŭ ĉi tiu teorio estas pli firma koncerne Egiptujon, kie ni devas malantaŭeniri 3500 jarojn al origino de la homo. Por la primitiva homo la religio kunfandiĝas kun la penso mem: ĉio por li estas la interpreto pri la mistero de la vivo homa kaj de la morto, pri la mistero de la Universo. Kaj de tiu ĉi interpreto dependas la aktiveco de la izolita homo kaj la sociala kaj politika organizacioj.

La Grekoj kaj la Romanoj dum multe da tempo nesciis la veran karakteron de la egipta religio; ili juĝis ĝin senordiganta kaj barbara pro la kulto por la bestoj. Kaj ĉi tiu opinio ankaŭ estis tiu de la modernuloj. De antaŭ dudek jaroj, la studoj pri komparata religio, kaj super ĉio tiuj studoj pri la religioj de necivilizitaj popoloj (Afriko, Aŭstralio, k. c.) elpruvis, ke tiu ĉi kulto por la bestoj havas sian devenon en amaso de primitivaj doktrinoj: la «animismo», kiun oni devas konsideri kiel deirpunkton de ĉia religia evoluo. La elserĉadoj de J. Morgan kaj Amelinean—kiuj de 1895 elkaŝis la egiptan civilizon de la ŝtonepoko—pruvas, ja, ke la primitivaj Egiptoj adoris fetiĉojn: animalojn, arbojn, ŝtonojn kaj kiajn ajn objektojn, en kiuj ili kredis trovi virtojn aŭ fortojn misterajn. Tiel, do, tiu kulto, kiu skandaligis la pensantojn, estis nur daŭrigo de plej primitivaj kredoj: ne estis ĝi fino, sed unua paŝo al evoluo religia.

En la arĥaika epoko, proksimume 5000 jarojn antaŭ Kristo, ne estas en Egiptujo alia kulto ol tiu por la fetiĉoj: bestoj, arboj, armiloj, astroj, k. c.

Je la jaro 4000 aperas—eble venintaj de Azio kaj Arabujo—loĝantaroj pli evoluciintaj, kiuj konis la bronzon la skribaĵon kaj jam havas opinion pri Dio. Ne malaperas la antikvaj fetiĉoj, sed ilin oni kunigas al la novaj dioj, kaj la fetiĉoj perfektiĝas kaj humaniĝas; tial aperas la hibridaj bildoj diaj kun homa korpo kaj besta kapo. Oni instalas tiujn diojn en la ĉefaj urboj kaj ili formas familiojn aŭ triojn (edzo, edzino kaj filo: *Osiris*, *Isis*, *Horus*) kaj ilia destino estas tiu de la urboj protektataj de ili. Laŭ la epokoj, la dio de *Memfis* (*Pta*) aŭ la dio de *Tebas* (*Amon*) regas la Antikvan kaj Novan Imperion. Tamen, la kulto por la bestoj persistadas, kaj neniam ĝi malaperas tute.

De la *memfisa* Imperio (3000 jarojn antaŭ Kristo) aperas religiaj tekstoj. Okazas tiam kvazaŭ plivastiĝo de la religiaj ideoj: jam la

homo priokupiĝas pri sia propra vivo kaj pri tiu de sia urbo kaj ankaŭ pri la nekonataj fortoj regantaj la Universon. Primitiva metafiziko klarigas, ke la Ĉielo, la Tero kaj la Nilo estas dioj, kaj ĝi klarigas la diaĵojn dioj de la Ĉielo, dioj de la Tero kaj dioj de la Mortintoj. Ankaŭ estas abstraktaj dioj, kiel *Pta* (*Arta Intelekto*), *Maat* (Vera Justeco), *Tot* (dio de la Magio), kies medioj estas la «Voĉo» aŭ kreanta verbo kaj la «skribaĵo».

Ĉi tiuj dioj ne batalas kontraŭ la malnovaj. Ĉiu loka dio alproprigas al si la novajn komprenaĵojn kaj fariĝas tial dio de la Ĉielo, de la Tero kaj de la Mortintoj. Ne estas ĵaluzaj dioj. En tiu politeismo ĉiu loka dio estas konsiderata kiel la sola Dio kaj tial oni adoras lin kiel solan Dion.

La disvastigo de la penso religia al tera kaj ĉiela universo klarigas la kreon de la Kalendaro, kiun oni fundamentis sur la observado de la astroj (ekzemple, la fenomeno pri la apero de *Sirio* je la suneliro) kaj sur la elbordiĝadoj de la rivero Nilo. La fundamento de la egipta Kalendaro estas la kalkuloj aplikeblaj al la fizika stato de la ĉielo je 4300 jaroj antaŭ Kristo.

La kreo de la Kalendaro montras al ni, ke la egipta penso orientiĝas al studo de la du grandaj fortoj naturaj regantaj la egiptan vivon: la Suno kaj la Nilo. Ĉi tiuj du fortoj determinas la grandajn fluojn de la religia spekulacio de la sekvanta ero.

II.ª «La suna doktrino». Eble la origino de la kulto al la Suno, konsiderante ĉi tiun aparta diaĵo, estas semida kaj oni ĝin alportis al Egipto. Ĝia nomo estas abstrakta: «*Ra*» signifas la Kreanto. Ĝiaj simboloj—ŝtono, obelisko aŭ piramido—rememorigas la «*Beth-el*» de Sirio. La Suno estas la sola egipta dio, kies kulto havas por si mem pastran kolegion, tiun de *Heliopolis*, kie la pastroj verkis metafizikan teologion.

La Suno jam ekzistis en la primitiva ĥaoso, antaŭ la apero de la estaĵoj: ĉi tiun primitivan dion oni nomis «*Atum*». Alvenas momento kiam «*Atum*» konsciiĝas, ke li ekzistas, kaj li parolas. Lia verbo kreas la lumon, tio estas, la dion «*Ra*»; kaj poste «*Atum-Ra*», ĉiam per la verbo, daŭrigas kreante ceteron.

Ĉi tiu kredo ne estas simpla ludo dia: «*Atum-Ra*», responda je la Universo, regas ĝin per la verbo, kiu same, kiel «Logos» de la *Aleĥandrianoj*, estas samtempe «parolo» kaj «kaŭzo». La hermetikaj skribaĵoj klarigas, ke la supera dio Intelekto («*Nous*») regas per la Verbo («*Logos*») kaj la Spirito («*Pneuma*»); kaj ĉi tion oni nomas «Hermetika Triunuo». De la plej malproksimaj tempoj ĉi tiu triunuo aperas en la hieroglifoj. «*Amon*», «*Ra*» kaj «*Pta*» formas dian Konsilantaron, el kiu «*Ra*» estas la intelekto, «*Pta*» la

aganto (la Verbo), kaj «*Amon*» la spirito. Kaj ĉi tiuj tri personoj malsamaj estas unu sola dio vera. La apliko de la doktrino de «*Ra*» signifas la triumfon de la justeco kaj la vero en la mondo. La Faraono estas tiu, kiu aplikas kaj subtenas ĝin.

2.° «La doktrino *osiriana*».—Ĉi tiu doktrino reprezentas, kontraŭ la suna metafiziko, homan idealon. Dum la Suno estas malproksima je la homoj, *Osiris-Nilo* vivas inter la homoj kaj ilin nutras per sia fruktodoneco. La legendo priskribas lin al ni kiel se li estus bonfaranta reĝo instruanta la agrikulturajn artojn al homoj kaj kiun mortigis en la juneco lia frato *Set*. Feliĉe lia edzino *Isis* estis lertega magiistino kaj elpensis la rimedon por doni la senmortecon, kaj ŝi revivigis la dispecigitan kadavron de sia edzo. De tiam ĉi tiu regas izolite inter la mortintoj, en la malproksima regno de Okcidento.

Per tiu ĉi legendo, facile estas diveni la komunajn temojn al la dioj de la kreskaĵaro: kvankam ili nutras la homojn per sia korpo —pano—kaj per sia sango—vino, ili estas kondamnotaj morti, esti dispecigataj (kiel la tritiko kaj la vinbero) kaj enterigataj (kiel la semoj); sed ili renaskiĝas ĉiujare.

Sed la plej granda rimarkindaĵo de la *osiriana* legendo estas, ke la rolo de Osiris ne estas nur tiu. Lia morto kaj reviviĝo devas esti ekzemplo imitinda kaj imitota de la dioj kaj de la homoj: de tiam, la mortinto, ricevante la ritojn revivigintajn la dion, ankaŭ reviviĝos. Sed, same kiel Osiris pro siaj boneco kaj virtoj, meritis la reviviĝon kaj eternan feliĉon, la homoj nur ĝuos la sorton de *Osiris*, kiam ili ĝin meritos pro sia dumviva konduto bona. Tial, la apliko de la ritoj de *Osiris* al la homoj konstatas la problemojn de la senmorteco kaj de la puno post la morto.

Same la *osiriana* doktrino, kiel la suna doktrino, estas kredo pri justeco kaj vero, oni povas rimarki la altan gradon atingitan de la religiaj sentoj de la Egiptoj: De la kulto al la bestoj ĝis la doktrino de l' «*Logos*» kaj de la savo per la justeco, la distanco estas granda kaj la progreso tre rimarkinda. Tio ĉi sufiĉas por rehonori la antikvan religion agiptan.

## AVISO

Se ruega el inmediato envío de la tarjeta que acompaña este número, llenada escrupulosamente en lápiz, como se dijo, para poder hacer la inclusión perfecta en el Adresaro.

## PRI LA VIZITO DE HERRIOT

La Hispana Esperanto Asocio sendis al franca ministrestra Moŝto Herriot por lia edzino, kiel reprezentantino de la francaj patrinoj, grandan kaj rimarkinde artan korbon el floroj prezentantaj per ĝiaj koloroj la trikoloran flagon hispanan. Samtempe la Asocio sin turnis al samideano Herriot per letero en hispana lingvo, kies traduko jen estas:

«Al Civitano Eduardo Herriot, prezidanto de la franca Registaro. Prezidanta Moŝto kaj kara samideano: Hispanujo ĉiam estis Popolo kavalira kaj gastigema akceptanta frate ĉiujn gentojn de la plej antikva tempo, kiuj volis kunvivadi kun li; sed, kuraĝe kaj obstine militante kontraŭ tiuj gentoj, kiam ĉi tiuj volis ŝanĝi la fratan kunvivadon per reĝimo lin subpremanta. Tiel sentis ĉiam Hispanujo, tiel ĝi konsciis la Liberecon, tiel ĝi praktikis la Fratecon, tiel ĝi komprenis la Pacon: tial ĝi estas, do, Popolo tre pacema, malgraŭ militado al kiu konstante devigis lin fremdaj dinastioj havintaj al si la regadon de la lando. Sed hodiaŭ la hispana Popolo rehavigis al si la Povon kaj tial li reiras la vastan vojon de la Libereco, de la Frateco kaj de la Paco inter la Popoloj; kaj, pro ĉio dirita, hodiaŭ li vin akceptas, civitano Herriot!, kiel fraton kun malfermataj brakoj la olivarba branĉo en mano. Sed ni, hispanaj esperantistoj, kiuj, laŭ opinio de doktoro Zamenhof, kreinto de Esperanto, plej bone interpretadas kaj praktikadas la INTERNAN IDEON de lia kreo, la internacian kaj paceman animon de Esperanto; ni, hispanaj esperantistoj, dankemaj de via ago, nuliginta decidon kontraŭ Esperanto de reakcia ministro de Publika Klerigado de Francujo, salutas vin frate kaj akceptas vin ankaŭ kun la brakoj malfermataj kaj la brusto krevanta pro la granda idealo, kiu estas Esperanto, kaj ni diras al vi, ĉar vi kaj ni estas esperantistoj ĉar ni estas Civitanoj de la Mondo: VIVU LA PACO, AMO KAJ LABORO INTER ĈIUJ HOMOJ! SANON, FRATO HERRIOT!»

## GRAVA PAŜO POR ESPERANTO

La XIIIª Kongreso de la Socialista Partio dum la ĝenerala kunveno de la 12 de oktobro ĵus pasinta, pritraktante klerigadon laŭ plano de Komisiono al ĉi afero, konsistanta el D-ro. Madinaveitia, S-roj. Sabrás, Acero, Llopis (ĝenerala Direktoro por elementa Instruado ĉe la Ministerio), Rubio, M. Moreno. C. Hernández, Sánchez Gallego, Palomino kaj Crecencio, unuanime voĉdonis inter alie:

«e) KE ONI PETU LA REGISTARON POR KE LA

MINISTERIO DE PUBLIKA INSTRUADO ENKONDUKU ESPERANTON EN LA INSTITUTOJN, NORMALAJN LERNEJOJN KAJ METILERNEJOJN.»

Bone atentu ke la Socialista Partio havas tri ministrojn en la unua Registaro, kaj precize estas socialisto tiu de Publika Instruado; nu, prezentiĝas belega aŭroro por Esperanto en Hispanujo. La decido de la Socialista Partio venis konstati kaj helpi bonege tiun de nia IX Kongreso ĵus pasinta. Antaŭen kun fido! Triumfon de Esperanto sukcesigos popolo!

## GRAVA AVIZO

Hispana Esperanto Asocio havigas al siaj membroj novan profiton por la venonta jaro, ĉar S-ro. Mangada liveros sian kompletan esp.-verkaron laŭ tre favorega prezo, kiu eĉ ne kompensas la preskoston. La verkaro estas presita sur luksa papero kun belegaj ilustritaĵoj kaj muzikaĵoj, kalkulante en tute DUCENT SEPDEK OK paĝojn; ĝi konsistas el la jenaj verkoj:

«La Genia Kavaliro Don Kiĥoto de la Mancha», enhavanta la antaŭparolon, dediĉon kaj unuan ĉapitron (prezo 0'60 sv. fr.); «Avila» (p. 1 sv. fr.); «Pri Hispanujo kaj ĝiaj popolkantoj. Popolkantaro de Murcia» (p. 1 sv. fr.); «El Moderna Hispana Parnaso» (p. 1'15 sv. fr.); «Du Junaj fraŭlinoj» kaj «Kornelino», de Cervantes (p. 1'75 sv. fr.); «Ferdinando VI kaj Farinelli» (p. 0'75 sv. fr.). Laŭ notitaj prezoj en svisaj frankoj, la prezo en tute estas 6'25, kaj en hispana mono DEKKVAR pesetoj proksimume; sed la membroj de Hispana Esperanto-Asocio, paginte la kotizon por 1933, havigos al si la kolekton po TRI PESETOJ. Oni sendos la librojn poŝtrekomendite.

## NOVA VERKO

Tuj aperos la unua dekses-paĝa kajero de ESPERANTO PER KARIKATURO por rekte instrui la lingvon per helpo de bildoj kaj spritaj priskriboj de famaj hispanaj karikaturistoj tradukitaj kaj adaptitaj de Julio Mangada Rosenörn, laŭ procedo aŭ metodo, kiun la aŭtoro faris por sia «Helpanta Temaro», kiu estas elĉerpita, kies teksto kompletos la novan verkon. DEKKVAR bildoj de la vaska karikaturisto Jozefo Arrúe aperas en la unua kajero. La prezo de ĉiu kajero estas 0'50 centimoj. Mendojn faru al la aŭtoro. Leŭtenanto Kolonelo de la I^a Infanterio Regimento. Madrid.

# NEKROLOGIO

Ankoraŭ estas freŝa en via memoro la tute certe agrablan impreson de la tre bela fantaziaĵo «Moresneto», aperinta en la numero de septembro lasta, plena de zamenhofa sento; ankoraŭ certe vi sentas la ĝojon pro ĝia simpla primitiva zamenhofa stilo... Bedaŭrinde, Morto, neniam satigate, forrabis de ni la verkinton, S-ron. Eduardo Cano López-Ayllón.

Nia kara samideano estis unu el plej malnovaj esperantistoj hispanaj, tre inteligenta kaj klera, grandanima, sindonema, plena de simpatio; li estis tre amata de ĉiuj. Al lia respektinda familio ni esprimas la plej koran kondolencon je la nomo de la hispana esperantistaro.

Li mortis la 16an de oktobro ĵus pasinta kiam li jam estis 68 jara.

Kara heaano ripozu pace kun niaj mortintaj pioniroj kaj la Majstro!

# TRIOBLE TRI MINUTOJ

## Intervjuo pri AELA

«Nun post UEA, ICK, KR, LKK — ankoraŭ unu mistera organizaĵo!» mi kriis kun indigno, kiam mi legis prospekton de AELA. «Fulmotondro! Kion ili volas? Monon? Kompreneble. Kion ili donas? Librojn. Ah — librojn! Jen alia afero. Ni rigardu. AELA volas doni al siaj membroj librojn, librojn kaj ankoraŭfoje librojn. Bone. La prezo? La kostoj? En tiu ĉi momento mi ekprenas mian kapon, miaj okuloj vastiĝas kiel aŭtoradoj, mi elkrias: «Bleier, vi bankrotos! Vi freneziĝis! Vi ruinigos vin mem, la eldonejon kaj nin kompatindajn verkistojn!!»

Rigardu! Programo de AELA por 1932: 6 libroj, preskaŭ sume 2000 paĝoj, inter ili originalaj kaj tradukitaj romanoj, riĉe ilustrita libro pri pentrarto, Hungara Antologio kaj — Enciklopedio de Esperanto, ĉiuj libroj kune en la valoro de sv. fr. 55.— riceveblaj por (nu!) 13 sv. fr. 50 centimoj.

Blufo? Aprila ŝerco? Simpla preseraro?... Mi kuregas al la telefona aparato. Mi devas averti, protesti en la nomo de la malsatantaj verkistoj...

«Hallo! Interurban centron!» Procedo enuiga. «Jes, 380—84!» Exscitite mi atendas ĉe la aparato. Fine sonorigo.

«Hallo! Kiu tie?...»

Malproksima voĉo respondas:

«Hallo! Bleier!»

«Bonan! Ĉi tie, ne miru, Forge! Aŭskultu, mi estas tute ekscitita. Mi ĵus legis pri via AELA. Prezoj neeblaj.»

Min interrompas voĉo tute natura, neniom surprizita, kvazaŭ okazus tute ĉiutaga afero:

«Trankviliĝu! Ĉio estas en ordo. La afero estas simpla. Ĝis nun la Esperantaj libroj estis multekostaj. Tial ili vendiĝis en pli kaj pli malmultaj ekzempleroj. Sekve, ili devis fariĝi ankoraŭ pli multekostaj. Sekve ili vendiĝis en ankoraŭ pli malmultaj ekzempleroj. Jen la vera «peka cirklo», en kiu komencis jam tute sufokiĝi la Esperanta literaturo. Nun, kion ni volas fari? Turni la direkton en la cirklo. Doni malmultekostajn librojn, sekve vendi pli multajn ekzemplerojn, sekve ankoraŭ pli malaltigi la prezojn, sekve vendi ankoraŭ pli multajn ekzemplerojn. El la «peka cirklo» ni volas fari «virtan cirklon».»

«Bonegaj ideoj!» mi konsentas, «Sed ĉu vi ne timas, ke la libristoj unuanime-unumane vin ŝtonumos?»

«Ne, ĉar ili nepre rekonos pli aŭ malpli frue, ke la malkara libro neniam malutilis al la libristoj. *Ĝi ja kutimigas la homojn legi.*»

«Vi pravas! Estas fakto ke ekzistas miloj da Esperantistoj kiuj avidas aĉeti librojn, sed pro la krizo ne povas elspezi tiom da mono. Sed ĝuste tiuj krizaj tempoj — ĉu vi ne timas ilin?»

«Krizaj tempoj? Ili ĝuste favoras nian AELA. Ĉar kion la Esperantistoj faros sen AELA?...»

«Hallo! Tri minutoj pasis», interrompis mistera voĉo.

«Ankoraŭ tri minutojn!» mi krias. «Vi estas terura optimisto!»

«Mi dankas la komplimenton! La plano de nia AELA volas venki la krizon. Neniu havas monon, almenaŭ ne multan. Kontraŭ tiu malagrabla fakto oni povas batali nur per malaltaj prezoj. La ĝisnunaj prezoj, inter la nunaj cirkonstancoj, kondukus neeviteble al la ĉesigo de ĉia eldonagado, ĉar la libroj nehelpeble ŝimiĝus en la magazeno. Sed la kvaronigo, eĉ kvinonigo de ĉi tiuj prezoj povos savi la situacion. Precipe, ĉar oni ja povos pagi ankaŭ en partoj. Pripensu ke la membrojn de la AELA ŝarĝas monate malpli ol 1.5 sv. fr. do tage malpli ol 5 centimoj. Kaj por tiu sumo ili havos jare ses ampleksajn librojn, kaj krome ankaŭ recenzgazeton, kiu raportos vigle pri nia tuta literatura vivo.»

«Kion vi diras!» mi demandas surprizite. «Ankoraŭ recenzgazeton? Ne, tio estas tro, tio ne volas eniri mian kapon!»

«Ĉu ne inde aniĝi? Ĉu oni ne povas esperi, ke tiel oni tranaĝos la krizon? Nia ŝipo certe estas bone ekipita, havas elektitajn ŝipanojn, prenis bonan direkton...»

«Bone, bone —» mi diras nervoze. «Sed se oni ne havas eĉ kvin centimojn tage?»

«Hallo! la dua triminuto pasis!» malagrablas ree la mistera voĉo.

«Ankoraŭ tri!» mi insistas kiel ebriulo, kiu mendas la trian botelon.

«Jes, ankoraŭ tri!» ehas alia drinkemulo ĉe la transa fino de la drato. «Kion vi diris? Se oni ne havas.»

«— Se oni ne havas tiujn 5 centimojn!»

«Kiujn centimojn?»

«Nu tiujn diablajn 5 centimojn tage por esti membro de AE-LA?!...» mi krias ekscitite, ĉar mi volas elprofiti la lastajn tri minutojn.

«Nu, povas ja kuniĝi du personoj po 2.5 centimoj tage, aŭ tri personoj po 1.66 centimoj, ili povas kune legi kaj poste inter si dividi aŭ lotumi la librojn.»

«Mi komprenas.»

«Tial ankaŭ la programo estas tiel varia! Ĉiu trovos konvenan verkon por si! Jam la 640 paĝa interesega Enciklopedio de Esperanto valoras pli, ol la tuta sumo, kiun oni pagas por ĉiuj libroj!»

«Bone, bone, bonege!»

«Kion bezonas Esperanto? Librojn! Pli ol iam ajn! Por la lingvo, por la movado, por la verkistoj! Librojn, por kiuj estas inde lerni la lingvon!» ekscitiĝas la voĉo ĉe la transa fino de la drato. «Ni povus diri sen fanfaronado: entrepreno tiel grava kaj utila por nia lingvo kaj movado, ke ĉiu esperantisto devas ĝin subteni! Sed ni tute ne volas voki al ia «esperantista oferemo», kiun ni tre alte taksas, sed je kiu ni jam delonge ĉesis kalkuli. Prefere ni povus diri, ke ni ne volas *ricevi* donacon, ni volas *doni* donacon. Sed ankaŭ tion ni ne diras.»

«Momenton, haltu, ankoraŭ unu demandon!!» mi krias.

«Ĉi tie ne temas, pri donaco, sed pri ambaŭflanka reciproka gajno, sur la bazo de prudenta kaj reala kalkulado.»

«Unu gravan demandon: kiel vi imagas al vi la aferon kun la verkista...»

«Ni konstruas aerkastelon el ŝtono kaj ŝtalo kaj invitas loĝi la esperantistojn por la plej malalta luprezo!...»

«Haltu, poeto! Nur unu demando: la verkista honorario!?!»

«Tri minutoj pasis!» krias la Fata Voĉo.

«Ĝis revido en Parizo!» la alia.

«He, he, hallo, ĉu la honorario same estos kvinonigata??...»

Responde la telofono sonoris en miajn orelojn kaj ehe ripetiĝas la

bela frazo «Ni konstruas aerkastelon el ŝtono kaj ŝtalo kaj invitas loĝi la Esperantistojn por la plej malalta luprezo...»

... Post unu horo alvenis telegramo. Mi ŝire malfermis ĝin. Miaj manoj tremis, kiam mi legis la tekston:

1000 membroj por AELA jam aliĝis stop malgraŭ prezredukto ni decidis duobligi verkistan honorarion

*L. M.*

Post tiu ĉi telegramo mi estis kortuŝita. En tiu ĉi momento mi konfesis, ke tiu ĉi AELA estas la plej mistera organizaĵo de Esperantujo, ke ĝi estas la plej grandioza entrepreno de la dudeka jarcento... !

JEAN FORGE

* * *

Leginte en «Literatura Mondo», nia sola literatura gazeto, la antaŭan intervjuon, tuj ni celis havigi al ni kaj al la membroj de nia H. E. A. la fabelajn prezojn; kaj ni mendis la necesan kvanton de la prospektoj, priparolitaj de nia fama verkisto Jean Forge, kaj feliĉe kun ĉi numero ĉiu heaano ricevos prospektspecimenon. Jen, do, la prospekto de AELA en via mano, kaj per ĝiaj deksespaĝoj ĝi informas vin pri nova esperantista organizaĵo: Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj. Ni mem ne volas ion aldoni al la klarigoj krom tio, ke nin mem tre surprizis la ege favoraj malaltaj prezoj kaj la belega eldonprogramo. Apenaŭ oni povas kredi, ke estas eble fari tiakondiĉan libroeldonadon. Tamen, post rekalkulo ni vidas la planon pleen reala kaj la nomo de «Literatura Mondo» garantias al ni ne nur la efektivigon de la programo, sed vere belan libroserion kun modela lingvo. Inter tiuj libroj Tamen, post rekalkulo ni vidas la planon plene reala kaj la nomo de scienca Enciklopedio. Estas tute komprenebla afero, ke ĉiuj libroŝatantoj eluzos la okazon. La direkcio de AELA informas nin, ke ĝi presigos nur tian kvanton el la libroj, kiu estas nepre necesa. Pro tio estas bezonata kiel eble frua resendo de la aliĝilo, por ke la libroj presotaj sufiĉu por la tuta membraro. Kompense al frua sendo de aliĝo kaj mono, AELA sendas al ĉiu paginta membro la jam aperintajn librojn tuj post ricevo de aliĝo kaj pago.

Bonvolu tre atente legi la tutan prospekton, por ne fari ian eraron.

La Komitato de Hispana Esperanto Asocio kun granda kontento sin montris favora al la entrepreno kaj rekomendas al la heaanoj la aliĝon al AELA, kiu siavice helpas nian laboron: HEA kaj AELA sindoneme helpas unu la alian por plej granda sukceso de Esperanto.

## 25-a Universala Kongreso de Esperanto

# OFICIALAJ SCIIGOJ

### Koln, 29 Julio—5 Aŭgusto 1933

*Oficiala Invito: La Jubilea Kongreso* okazos en Köln (Kolonjo apud Rejno) laŭ oficiala invito de la ĉefurbestro de Köln, D-ro. Konrad ADENAUER, Prezidanto de la Prusa Ŝtata Konsilantaro.

*La Kongresurbo sin prezentas:* Köln estas preskaŭ dumiljara urbo, fondita de la Romanoj en la jaro 38 a. Kr. kaj ricevinta urbajn privilegiojn en la jaro 50 p. Kr. («Colonia Claudia Ara Agrippinensis»). Ĝi situas en la koro de Eŭropo inter Berlino, Parizo, Londono kaj Svislando-Italujo, apud la riverego Rejno (germ.: Rhein).

Mondfama pri sia gotika katedralo, sia parfum-industrio (Kolonja Akvo=«Eau de Cologne») kaj multaj antikvaj kaj novtempaj vidindaĵoj (preĝejoj, pordegokasteloj, universitato, muzeoj, teatroj, stadiono, parkoj, zoologia ĝardeno), kvar feraj pontoj trans la Rejnon. Haveno, stacidomoj, aviadejo. Vigla komerco kaj trafiko. 140000 loĝantoj. La Kolonjanoj estas precipe konataj pro sia sangvina temperamento kaj bonhumoro en bonaj kaj malbonaj tempoj.

*La Kongreso Palaco de la urbo Köln* estas unu el la plej modernaj domegoj tiucele konstruitaj kaj situas en bela parko apud la Rejno. Ĝi estos je nia dispono dum la 25-a Universala Kongreso.

*La Loka Kongresa Komitato* formiĝis kaj kore salutas la tutmondan esperantistaron.

Prezidanto: urbestro Bönner;
Vic-prezidanto: urba lerneja konsilisto Theile;
Afergvidantino kaj kasistino: s-ino M. Gernsbacher;
Sekretario: Wilhelm Wingen;
Fakestro por loĝado kaj amuzoj: Fritz Kurth.

La LKK elektos al si konsilantojn por diversaj fakoj.

*La adreso de la LKK estas:* 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germanlando.

*La poŝta ĉekkonto* funkcias sub la numero: Köln 52 kaj sub la titolo: 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln.

*Bankkonto:* Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln, Germanujo.

*Kotizoj:* Por faciligi al la samideanoj la aliĝon al la kongreso kaj kun la celo plejeble fruigi la aliĝon kaj simpligi la prepar-laboron, la LKK decidis, interkonsente kun la ICK, akcepti ĉiujn aliĝojn ĝis inkluzive 31. 12. 1932 je *favorkotizo de nur gmk.* 18.—. Pos 1. 1. 1933 validos la plena norm-kotizo de gmk. 20.—.

JUNULAJ MEMBROJ: La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Por frualiĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis 31. 12. 1932, la kotizo estas nur gmk. 4.50. Gejunuloj ne rajtos ricevi la kongresajn dokumentojn.

BLINDULOJ kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

HELPKONGRESANOJ: Tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresanoj po gmk. 10.—.

*Donacoj* por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun la kongresa kaso ricevis donace gmk. 23.—.

*Blindula kaso:* La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj samideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 8.—.

*Aliĝiloj* estos disdonataj en monato novembro pere de la Esperanto-gazetaro kaj naciaj societoj. Krome la LKK sendos ekzemplerojn al ĉiu petanto.

*Specialan kongresan gazeton* LKK ne eldonos. La oficialajn kongresbultenojn oni legu en la diversaj Esperanto-gazetoj. Krom tio «Heroldo de Esperanto» aranĝos specialan ĉiusemajnan kongres-rubrikon. Krome la LKK sendos la bultenojn al ĉia deziranto.

*Fakaj kunvenoj:* Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

*Informpetoj de LKK:* La informpetantoj bonvolu aldoni necesan afrankon por la respondo, per respond-kupono aŭ UEA-kupono. Ĉiam indiku sur ĉiu letero aŭ karto vian plenan adreson! La jam aliĝintaj samideanoj bonvolu meti sur ĉiun skribaĵon la numeron de sia kongreskarto.

*Aliĝoj:* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 103 *personoj el* 15 *landoj.*

Laŭlanda statistiko: Anglujo, 9! Aŭstrujo, 1; Belgujo, 5; Ĉeĥoslovakujo, 1; Danujo, 1; Francujo, 13; Germanujo, 56; Hispanujo, 3; Italujo, 4; Japanujo, 1; Nederlando, 4; Polujo, 1; Rumanujo, 1; Skotlando, 1; Svedujo, 2. Krone n-roj 1—12, rezervitaj al familio Zamenhof.

Por kiel eble plej multaj *baldaŭaj* aliĝoj tre dankema estos la

*Loka Kongresa Komitato.*

## ENLANDA KRONIKO

*Barcelono.*—La «Zamenhof-Instituto» el Barcelono, konstante kaj senlace laboras. La 1-an de oktobro ĝi inaŭguraciis kursojn de Esperanto, Kataluna lingvo, Hispana Ortografio kaj Aritmetiko, gvidataj respektive de S-roj. Francisko Vilá, Jozefo Anglada kaj F. Gorgues Torredeflot. La 9an de oktobro la Instituto efektivigis instruan viziton

al la Astronomia Observatorio Fabra sur la monto Tibidabo, al kiu ĉeestis pli ol 50 personoj.

Estas rimarkinda fakto, ke la plej sukcesa kurso laŭ la nombro da lernantoj kaj ilia entuziasmo, estas tiu de Esperanto.

La «Zamenhof-Instituto» daŭrigas kun brilaj rezultoj la Korespondan Kurson de Esperanto, tre taŭga por la personoj loĝantaj en vilaĝoj aŭ lokoj, kie ne ekzistas Esperanto-Grupo. Ĉiuj interesatoj bonvolu sin turni al la Sekretario de la Instituto, Sitjas, 3, principal, Barcelona.

S-ro. P. Flageul, arĥivisto de la Stenografia Instituto de Francujo, faris, la 17an de septembro ĵus pasinta ĉe ĉi Instituto, paroladon en Esperanto pri la neceso de la Stenografio por la esperantistoj. Lian paroladon varme oni aplaŭdis. Sekve li transdonis al S-ro. Jozefo Anglada diplomon kun la noto «Unua premio kaj arĝentan medalon», kiujn aljuĝis al nia kun-heaano la 4ª Internacia Konkurso de Esperanta Stenografio, organizita de la gazeto «Fluganta Skribilo». S-ro. Valdepeñas faris katalunlingve resumon de la parolado de S-ro. Flageul.

*Callosa de Segura* (Alicante).—La progreso de Esperanto ĉi tie estas rimarkinda: la Esperantista Socialista Grupo fermis sukcese la pasintan kurson kaj malfermis same la novan.

*Cádiz.*—Sukcese antaŭeniras esperanto en ĉi urbo, de kie entuziasmo transiris al apuda urbo de San Fernando, tiel ke en ĉi suda parto de Andaluzio renaskiĝas Esperanto tre vigle.

*Gijón.*—Denove ekfunkciadis esperantaj kursoj kaj «Astura Esp.-Societo» vigle agadas.

*Zaragoza.*—«Zaragoza Esperantista» malfermis sukcesplene kelkajn kursojn, kaj la prospero de la Grupo vidiĝas bonŝance.

*Madrido.*—Gravaj kursoj malfermiĝis en la «Centro de Estudios Históricos» kaj en la «Ateneo», krome estas klarigataj aliaj kursoj en diversaj lokoj.

## AMUZAĴOJ

Ŝuisto diris iam al tajloro:

—Ĉu vi scias kial grincas la botoj de tiu s-ro.?

—Kial?

—Ĉar li ankoraŭ ne pagis la botojn al mi.

—Tio estus konvinkanta pruvo se ankaŭ grincus lia redingoto.

—o—

En la razejo.

—En ĉi tiu razejo nur estas ĵurnaloj, raportante pri krimoj kaj teruraĵoj?—diras iu.

—Nu; ili ja estas tre utilaj—respondas la razisto.
—Mi ne komprenas la kialon.
—S-ro., la celo estas terurigi la klientojn, ĉar tiel, la haroj hirtiĝas, kaj tiel estas pli facile tondi la hararon.

—o—

—S-ro., mi ĵus alvenis al Madrido kaj mi ne konas... Ĉu vi povas sciigi al mi, kien mi manĝos po du pesetoj?
—Jes, S-ro., en restoracio.
—Dankon. Sed tial ke vi estas tiel afabla, ĉu vi volas diri al mi, kien mi povos trovi la du pesetojn?

—o—

Difino: La vivo estas vagonaro; la jaroj, stacioj; morto, la stacio de alveno; kuracistoj, la lokomotivoj; apotekistoj, agentoj vendantaj la biletojn.

—o—

Kasisto de restoracio diras: —Ĉi tiu monero estas falsa, ĝi estas malbona.
La kliento: —Tute same, kiel la tagmanĝo.

—o—

Inter amikoj:
—Ĉu vi scias tion, kio okazas al mi?
—Ne, mi ne scias tion.
—Nu; mia edzino forkuris el mia hejmo.
—Kaj... ĉu vi pensas sekvi ŝin?
—Ne, tute male; mi ankaŭ forlasos la hejmon, ĉar ŝi povas penti kaj reveni.

—o—

En ekspozicio de pentraĵoj, pentristo akompanas sinjorinon:
—Kial—ŝi diras—ne estas, inter ĉi tiuj pentraĵoj, iu el vi?
—Neeble. Ĉi tie nur estas verkoj de mortintaj pentristoj.
—Estas domaĝe, ke ne estu inter ili iu el vi!

—o—

Verkisto diras al unu el siaj amikoj:
—Mi havas grandan kaj gravan ideon por romano.
—Bonvolu, do, diri.
—La ĉefludanto estos blindulo..., ĉu vi komprenas? Kalkulu nun, pripensu, kiom da blinduloj estas en la mondo: ĉiuj volos legi ĝin, tial jen la sukceso.